REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO
FRANCA ESPERANTISTO

6 OKT. 1969

Fondée en 1908 — 37e année — 3e série — N° 259 — Juillet - Octobre 1969

## ATENDANTE LA KONGRESON EN MONTE-KARLO IOM DA HISTORIO PRI MONAKO



La Princa domanaro de Monako apartenas al la familio GRIMALDI, kies historio estas intime ligata al tiu de la Princlando. Ĝi devenas al Ĝenovo, kie ĝ i a unua konata praulo, Otto Canella, adoptis iam poste kiel patronomon la baptonomon de la plej juna filo, Grimaldo, k i u estis ambasadoro apud Frederiko Barberousse kaj Manuelo Comnène, imperiestro de Bizanco.

Kiam je la fino de la XIIIa jarcento la bataloj inter la Gelfoj kaj Gibelinoj devigis la Grimaldojn forlasi la landon kaj rifuĝi al Provenco, Francisko Grimaldi, vestita per monaĥa mantelo, sukcesis surprizatake enŝovi grupon da partizanoj en la fortikaĵon de Monako. Tiel la Grimaldi iĝis mastroj de la fortika loko, kie ili fondis disnastion. La blazono de la Princa Familio, sur kiu troviĝas du monaĥoj tenantaj spadon, rememorigas tiun eventon.

Dum la tuta XVa j.c. kaj la unua parto de la XVIa, la fortikaĵo de Monako, vera riglilo kapabla bloki la komunikojn inter Provenco kaj Ĝenovo, ekscitis la avidecon. La GRIMALDI, spertaj diplomatoj, praktikis subtilan baskulpolitikon. Oni trovas ilin alterne aliancanoj

(daŭrigo sur paĝo 52a)

# FRANCA ESPERANTISTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)**
**34, Rue de Chabrol, Paris X<sup></sup> - C.C.P. 855-35 Paris**
ABONNEMENT ANNUEL : **30 Francs.** — Le Numéro : **3 Francs** (CCP 855-35 PARIS)

**Rédaction provisoire :**
**J.-A. ROUSSEAU**
U.F.E., 34, rue de Chabrol
PARIS (10e)

Les textes à publier doivent être toujours dactylographiés avec double marge et double interligne.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photographies.

Les manuscrits non insérés ne sont pas renvoyés.

Joindre 0,80 F. en timbres pour tout changement d'adresse.

**BUREAU DE L'U.F.E. :**

**Président :**
**Dr André ALBAULT**, 32, av. E.-Billières, 31 - TOULOUSE - 03.

**Vice-présidents :**
**Gabriel ROUGETET** (Relations extérieures, statuts), 71 ter, avenue Foch, 78 - SAINT-GERMAIN-EN-LAYE.
**THIERRY Jean** (affaires culturelles, enseignement extra scolaire), 5, rue Léon-Cogniet, 75 - PARIS-17e.
**J. GUILLAUME** (relations avec l'U.E.A., secrétariat administratif), 8, rue Camille-Saulnier, 78 - Le VÉSINET.
**F. BOYET** (G.E.E., enseignement dans les écoles), 3, rue Lebas, 49 - ANGERS.

**Secrétaire Général :**
**André BOURDEAUX** (affaires générales, information, relations avec la presse, Espéranto-Actualités), chez U.F.E. 34, rue de Chabrol PARIS 10e

**Secrétaire général adjoint :**
**Mme BALLAVEN** (affaires générales), 18, avenue de Villiers, 75 - PARIS (17e)

**Secrétaire chargé des finances :**
**Pierre ROYER,** Estérel n° 2 ; 49, rue de Chatenay ; 92 - ANTONY

**Trésorier :**
**J.A. ROUSSEAU,** 64, avenue J.-Moulin, 75 - PARIS (14e).

## C O T I S A T I O N S

U. F. E.

| | |
|---|---|
| Membre Titulaire | 30,- |
| Membre titulaire junior (- de 21 ans) | 15,- |
| Membre Donateur | 45,- |
| Membre Bienfaiteur | 75,- |
| Membre Titulaire à Vie | 600,- |
| Membre Donateur à Vie | 900,- |
| Membre Bienfaiteur à Vie | 1500,- |
| **Membre Adhérent** | **6,-** |

U. E. A.
(ces cotisations s'ajoutent aux précédentes)

A la suite de la dévaluation du franc d'une part et de l'augmentation décidée par U.E.A. les montants de ces cotisations ont été modifiés et les nouveaux taux figurent à la page suivante (Oficialaj komunikoj de U.F.E.)

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

## ABONNEMENTS

| | |
|---|---|
| Biblia Revuo | 33,50 |
| Brit. Esper. | 16,50 |
| Bulgario | 16,75 |
| Dokum. CED. | 8,60 |
| Popola Ĉinio (2j=11,65 3j= 15,50) | 7,75 |
| Esper°-Revuo | 35,00 |
| Gepatra Bult. | 5,50 |
| Heroldo | 23,50 |
| Homo/Kosmo | 8,60 |
| Kult.Kajeroj | 7,00 |
| Lanterno | 14,00 |
| La Monda | |
| Lingvo-problemo | 37 F |
| Norda Prismo | 15,50 |
| Oomoto | 9,30 |
| Praktiko | 18,50 |
| Kontakto | 12,50 |
| Turista Mondo | 13,00 |

## COURS DES DEVISES

Nous prions nos membres d' utiliser les cours ci-dessous pour leurs commandes et règlements divers:

| | |
|---|---|
| Angla pundo | 13,25 |
| Aùstra ŝilingo | 0,25 |
| Belga franko | 0,12 |
| Dana krono | 0,75 |
| Germana marko | 1,40 |
| Guldeno | 1,55 |
| Kanada dolaro | 5,15 |
| Liro | 0,009 |
| Norvega krono | 0,80 |
| Peseto | 0,10 |
| Sveda krono | 1,10 |
| Svisa franko | 1,30 |
| Usona dolaro | 5,55 |

Oktobro monato de la kursoj, oktobro monato de la kotizoj, oktobro monato de la abonoj oktobro monato de la kursoj, oktobro monato de l

OFICIALAJ KOMUNIKOJ DE U. F. E.

FEDERACIOJ - Post interkonsento inter la federacioj Centra-Montaro kaj Sudfrancio
========== Pireneoj, tiu lasta federacio nun zorgas pri la departementoj LOT k Aveyron, kiuj aldoniĝas al la ses departementoj de tiu regiono, nome Haute-Garonne Ariège, Tarn, Tarn-et-Garonne, Gers, Hautes Pyrénées.

Provenca federacio: Jen la listo de la komitatanoj por la jaroj 1969-70-71:

Honora Prezidanto: S-ro GASSE Emile (Hyères)

Prezidanto.......: S-ro GARRIGUE François (Marseille)

Vicprezidantoj...: S-ro FEREZ Hubert (Nice
S-ro JULLIEN Marcel (Aix-en-Provence)
F-no TRIDELE Renée (Marseille)

Sekretario.......: S-ro SARETTO Paul (Marseille)

Kasistino........: S-ino JURQUET D. (Marseille)

Membroj..........: S-ro AMAT Lucien (Toulon) S-ro BOuRDELON Honoré (Marseille)
S-ro DEYROLLES André S-ino HUMM Simone (Avignon)
S-no JURQUET C. (Toulon) S-ro MATHIS Aug. (Solliès-Pont)
F-no NOURMONT C. (Aix) S-ro PAZZINI Norbert (Nice)
S-ro SALLES M. (Hyères



KOTIZOJ - Depost la devaluto, la kotizoj 1969 de U.E.A. estas fiksitaj laŭ la Ĉi-
======= suba kalkulo: (en frankoj)

MJ 19,25 MA/MA.K 38,50 MS 57,50 JMJ 9,75 JMA 28,75
Simpla abono al Esperanto: 28,75 - Abono al la PRAKTIKO: 18,50 F.

Por 1970, ĉar la Komitato decidis en Helsinki altigi la membro-kotizojn, bonvolu noti ke vi devos pagi (en frankoj):

MJ 23,oo MA/MA.K 46,oo MS 69,oo JMJ 11,50 JMA 34,50
Simpla abono al ESPERANTO: 34,50 - Abono al la PRAKTIKO: 18.50 F.

Ĝis la fino de 1969 la DM-kotizo restas fiksita je 770 f; Kaptu tiun okazon, ĉar poste vi devos pagi 920 F.!

KONGRESA REGULARO - La Konsilio, dum sia kunveno de la 7/9/69, aprobis Kongresan
================= Regularon,kies teksto aperos en iu venonta numero de la revuo.

ESPERANTO ACTUALITES - Speciala numero aperos en Januaro 1970. La grupoj kaj fe-
==================== deracioj estas petataj antaŭmendi sufiĉe grandan kvanton.

DEMANDAROJ - La Federacioj baldaŭ ricevos demandarojn dissendotaj al siaj grupoj
========== kaj ankaŭ al izoluloj, kiuj bonvolu noti, ke ili devos NEPRE resendi ilin, plenigitaj, REKTE al la Federacioj.

KULTURA SEMAJNO 1970 - Ĝi okazos de la 21a ĝis la 29a de marto 1970 (Oasko);dume
==================== estos ankaŭ aranĝita staĝo por respondeculoj pri informado.

KAMPANJO DE REZOLUCIOJ - La Konsilio aprobis la projekton de rezolucio-kampanjo,
====================== laŭ propono de S-ro Cristofol (Toulouse), kaj proponos al la membroj tekston de rezolucio kaj instrukciojn por ĝia uzo.

MONAKO (daùrigo)........de la ĝenova respubliko, de la Duko de Milano, de la Duko de Savojo, de la francaj reĝoj Karolo-la-VIII-a kaj Ludoviko la XII-a, fine de la respubliko de Florenco, kies reprezentinto, la fama Machiavel Nikolao, venis por subskribi traktaton. Ili ne nur sukcesis firme teni, sed eĉ plifortigi, sian sendependecon. Luciano Grimaldi akiris, la 20-an de feb.1512, atestleteron de Ludoviko XIIa, agniskanta ke l a Sinjorlando estas tenata nur de Dio kaj de la spado!

En 1612, Honorato la II-a firmigis ankoraù sian suverenecon, prenante la titolon de Princo, k a j suksbribis amikecan traktaton kun Francujo.

Dum la lastaj cent jaroj sinsekvis la reĝadoj de Princoj Karolo-la-IIIa (1850-1889), Alberto-la-I-a (1889-1922), kaj Ludoviko-la-II-a (1922-1949). Depost 1949, estas Princo Rainier-la(III-a, kiu prezidas la destinojn de la Princlando. En 1956,li edziĝis al S. S.M.Princino Grace, kaj el tiu edzeco naskiĝis ŝ.s.m. Princino Karolina, L.S.M. Princo Alberto (hereda princo), kaj ŝ.s.m. Princino Stefanio.

La palaco de Monako, loĝejo de la princa faùilio, estis fondita en 1215. Multe pligrandigita kaj plibeligita dum la jarcentoj, ĝi estas la centro de la historio de la Princlando, kaj enhavas neestimeblajn riĉaĵojn, arĥivojn kaj kolektojn de artaĵoj.

La Nacia Monaka Festo okazas la 19-an de Novembro. La Princa devizo estas "Deo Juvante". La princa flago estas blanka kun en la centro la princa blazono, dum la nacia flago estas duonparte ruĝa kaj blanka laù horizontalaj strioj.

Princo Alberto-la-I$^{a}$ estis scienculo,membro de la Scienca Akademio en Parizo. Li subskribis, kun aro de aliaj membroj de tiu Akademio, favoran rezolucion por Esperanto.

°
° °
°

## 62-a NACIA KONGRESO DE ESPERANTO kaj 2-a RENKONTIĜO FRANCA MONAKA ITALA

MONTE - KARLO

15 - 19 MAJO I970

### I-a Komuniko

La aliĝkotizo estas fiksita jene:

| | ĝis...3I/I2 | 28/2 | I0/5 |
|---|---|---|---|
| Kongresan(in)o | I8 F | 20 F | 25 F |
| Edz(in)o de kongresan(in)o | 9 F | I0 F | I2,5 |
| Gejunuloj de 15 j.ĝis 25j | 9 F | I0 F | I2,5 |
| malpli ol 15 j. | senpaga aliĝo | | |

Ekzamenoj: Dum la kongreso estos arangîta sesio por ekzamenoj. La Interesatoj devos s in anonci antaù la 28.2.I970


**ENVOYEZ VOS VŒUX EN ESPERANTO**

En accord avec l'U.F.E., la Société Toulousaine pour l'Espéranto vous présente une série de six cartes avec vœux de fin d'année en Espéranto.



Devant le succes obtenu l'an dernier (nous n'avons pu satisfaire tout le monde), nous vous engageons à passer rapidement vos commandes.
Les conditions sont les suivantes :

La série de 6 cartes différentes .. 9 F. franco
2 séries : 12 cartes .............. 16 F. franco
10 séries : 60 cartes ............. 70 F. franco

Veuillez joindre votre paiement à la commande, de préférence un virement postal, au nom de la Société Toulousaine pour l'Espéranto, 3, rue Roquelaine, 31 - Toulouse, 01 — C.C.P. 1836.67.

VOJAĜO EN FINNLANDO - Julio - aŭgusto 1969-

Rakonti nur per kelkaj linioj nian rondiradon ĉirkaŭ Finnlando estas malfacile.

Kion diri pri tiu ĵus finita vojaĝo?

Finnlando estas lagoj, maroj, insuloj arbaroj de pinarboj k a j betuloj, herbejoj kaj sekiĝanta fojno, malgrandaj lignaj dometoj ĉiam zorge pentritaj kaj akompanataj de saŭnejoj.

Kaj tuj mi devas paroli pri saŭno, kiun oni proponis al ni ĉiuvespere, post la vespermanĝo, kiam ni estis sur la kamparo. Tre malmulte el ni sukcesis elteni tiun tiom varman vaporbanon, akompanata de frapoj de betulaj balailoj kaj malvarma duŝo! Oni rajtas fine trinki glason da akvo kun fruktsiropo...

La tuta finnlanda kamparo estas substrekata norde suden per graciaj grapoloj de rozkoloraj epilobioj.

Finnlando estas rokoj ĉie elirantaj el la tero en grandaj masoj, kiuj donas impreson de fortikeco kaj persistemo; ĉie, eĉ en la urboj, tiuj gigantaj rokoj aperas, kaj la arkitektoj uzas ilin, miksante ilin kun siaj plej modernaj konstruaĵoj.

Kaj vi opinias: "Ĉu dum dek tagoj vi vidis nur lagojn, marojn, rokojn, arbarojn? Jes, ĉiam, ĉie ni tion vidis, kaj tamen ni ne enuis, nek trovis unutona nian vojaĝon, ĉar tio estas la fundo sur kiu pentriĝas la finnlanda vivo.

Tie, dum la someraj monatoj, matenoj kaj vesperoj konas la saman gloran krepuskon: nokto malaperas!

Ĉiumomente, aperas nova detalo, kiu kaptas la atenton: jen, laŭlonge de la vojoj, dometoj, kvazaŭ pupdometoj, en kiuj la farmistoj metas ĉiutage siajn ladajn botelojn da lakto, kiuj estas aŭtomobile kolektitaj. La leterskatoloj de la farmistoj estas najlitaj ĉe tiuj dometoj.

Jen ankaŭ lignaj tabloj kaj benkoj proksime de malpuraĵskatolo, kiuj atendas la piedirantojn, kiuj deziras manĝi sur la kamparo.

Nun estas la unua ligna preĝejeto kun ĝia aparta sonorilejo, kaj la tiel pacplena tombejo. Kiom da lignaj preĝejoj ni vidis! Kiom da kvietaj florplenaj tombejoj! En tiu lando, la tombejoj estas kvazaŭ publikaj ĝardenoj, ameme prizorgataj. En unu el ili, ni rimarkis tre simplan kaj kortuŝan monumenton: du petegantaj manoj leviĝas al tritikaj spikoj. Tio memorigas tiujn, kiuj mortis dum la granda malsatego de 1866-68.

Brilkolora foiro atendas nin en la unua urbeto; ni retrovos ĝin en ĉiuj aliaj urbetoj, kun la bonodoraj fragoj, riboj, vakcinioj, floroj kaj la diversaĵoj ellaboritaj el betula ŝelo. Tie la koloroj de la roboj, kune kun tiuj de la fruktoj, legomoj, floroj, faras veran piroteknikaĵon. Pizoj, terpomoj, fragoj, ktp. estas vendataj politre.

Ofte kelkaj ciganinoj promenas belajn longajn velurajn robojn kun puntojn en la homamaso.

Tiu homamaso estas sufiĉe silenta; oni ŝajnas ne vidi nin, oni preskaŭ ne respondas al niaj ridetoj aŭ mansignoj; aŭ se oni respondas, estas tre diskrete. Nia petolema grupo kelkfoje mirigis, kaj eĉ malkvietigis la ĉeestantojn, ĉefe kiam ni brue serĉis ĉirkaŭ la granda tablo, kie ni elektis ĉion kion oni proponis al ni por manĝi.

Ĉu Finnlandanoj estas malbonintencaj por la alilandanoj? Ne, tute ne! Ni kredas, ke ili estas sindetenaj, eĉ eble iom timemaj. Sed, se ni bezonas vere ion, se ni iras al iu el ili petante helpon, li faras ĉion eblan al si por plezurigi nin. Li kondukas nin al la celo, por esti certa ke ni n e eraros; li helpas en la restoracioj.

Ni estis akceptitaj de kelkaj: tiam, ili petas, ke ni estu hejme en ilia domo, k aj oferas ĉion, kion ili havas. Ni povis admiri la internon de la finnaj domoj bone pentritaj, arte ornamitaj per nombraj kaj belaj tapiŝoj.

La infanoj estas kvietaj. Estas facile kompreni kial, ĉar multnombraj estas la infanĝardenoj, kie ili povas ludi libere, kaj eĉ kelkfoje sin bani.

Laŭlonge de la vojoj, oni vizitigis nin plurajn firmaojn: teksejon, paperfabrikon, fabrikon de butero kaj sekigita lakto, skifabrikon, ceramikejon. Ĉiam, oni klarigas ĉion kompleze, respondas pacience al niaj demandoj.

La sento kiu animas la Finnlandanoj ne estas nura intereso; estas vera amikeco, kiu daŭras post la disiĝo de la nova amiko. Kvar Finnlandaninoj vojaĝis kun ni. La unuan tagon ili ignoris nin, sed la duan ili komencis oferi al ni sukeraĵojn, kaj helpis nin laŭ sia povo. Post la akcidento de S-ino S.

Rousseau, ili portis al ŝi florojn en la hospitalo. Kiam ni revenis el Leningrado, ni havis la surprizon vidi du el ili ĉe la flughaveno. Ili alportis al ni la amikan rideton de Finnlando, pere de bongustaj ĉokoladoj. Post la tri tagoj de severa kaj preskaŭ milita vivo en Rusujo, estis preskaŭ reiro en nian propran landon.

Jeannine PERRA

oooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooo

## U.F.E.- KARAVANO AL LENINGRADO

Sabaton 2an de aŭgusto, je la 12h fermiĝis en Helsinki la 54-a Universala Kongreso de Esperanto, kaj dimanĉon, 3-an je 14h30, tridek partoprenantoj en la U.F.E.-karavano flugis per "Finnair" al Leningrado kaj, miraklo! ili alvenis antaŭ la 14 h., sed....mi devas konfesi ke en Leningrado oni fruas unu horon kompare kun Helsinki, kiu ankaŭ fruas unu horon kompare kun Parizo!

Ĉe la soveta dogano, ni devis plenigi slipon s u r kiu n i notis ĉiujn aferojn kunportitajn, precipe la orajn, la devizojn, ktp... Mi notis, konscience, mian ringon! Se ene de la flughaveno ĉio aspektis severa ekstere, sur la trotuaro, ĉio ŝanĝiĝis. Imagu! oni akceptis nin kun floroj...ĉarmaj geknaboj atendis nin kaj alparolis nin en bona esperanto.

Ni havis oficialan gvidistinon de "Intourist" kiu perfekte scipovis la francan lingvon, sed ĉiam, d u m nia restado, ni povis babili esperante kun la rusaj samideanoj, kaj tio estis tre interesa.

Ni loĝis en komforta hotelo "Europaiskaia", kie ni povis aĉeti, per franca mono, multajn memoraĵojn.

La unuan vesperon, leningradaj samideanoj akompanis nin pere de la mondfama subtera trajno, al la esperantista kunveno. Imagu 150 sovetajn esperantistojn el 40 urboj de 10 respublikoj, kiuj aplaŭdis nian eniron en la ĉambregon... La respondeculoj tuj donis al mi la parolvicon. Kompreneble, mi substrekis la koran kaj floran akcepton de la rusaj samideanoj ĉe la flughaveno, kaj mi dankis; emociita, mi eble forgesis kelkajn akuzativojn (!), sed kiam mi diris ke la francoj deziras vivi en paco kun ĉiuj popoloj,tondraj aplaŭdoj resonis en la salono.

Post mia paroladeto, ĉiuj francaj esperantistoj estis alvokitaj de la rusaj por subskriboj, donacetoj, petoj de malgrandaj servoj por la korespondantoj en Francujo...kaj eĉ en Hispanujo!

La aliajn tagojn, ni vizitis interalie la muzeon "Ermitage", unu el la plej belaj en la mondo, la kastelon kaj la parkon de Petrodvoretz(la rusa"Versailles")kaj diversajn imponajn monumentojn de Leningrado. Sed, tiu renkontiĝo kun la sovetaj samideanoj, t i u ebleco paroli libere kun ĉiuj tavoloj de la rusa popolo, restos en la menso de ĉiuj partoprenintoj, kiel la plej bonan rememoron de la vojaĝo.

Vere, estis laŭ mi kaj laŭ mia esperantista sento la plej grava kaj interesa vizito en Leningrado.

René LLECH-WALTER

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

(Anonco)

ROGER MILON - 49, avenue Alsace-Lorraine (19) Brive, interŝanĝas premiajn duonkuponojn de lavpulvoro BIO AJAX.

°
° °

## PLENA ILUSTRITA VORTARO

La eldonisto informas,ke li povos liveri verŝajne antaŭ la fino de la jaro, la libron al la mendintoj kiuj jam pagis

° °
°

## POR PLI OFTAJ RILATOJ...

Jam finiĝis la ferioj por ĉiuj, kaj venas nun la tempo pripensi nian agadon por la nova laborperiodo 1969 -1970.

Post la marŝado de homoj sur la luno, ĉiu el ni certe konsciis pri la graveco de la momento kaj la "planediĝo" de nia terglobo, laŭ la vortoj de Teilhard de Chardin "igas aŭ..... devus ifi la teranojn pli solidarajn ol antaŭe. Sed, ni, esperantistoj, bone scias, ke tiu evento ankoraŭ pli akrigos la lukton inter superevoluiĝintaj landoj, kiuj de longe revas pri la superregado de siaj kulturoj, lingvoj kaj ekonomiaj fortoj.

Pensu ni pri tiuj esencaj problemoj; kaj, konsekvence ni estu pretaj kunhelpi la organizon kies ĉefa tasko estas la disvastigado de Esperanto per ĉiuj rimedoj(kiuj rimedoj dependas de la Esperantistoj mem).

La kongreso de Strasburgo levis entuziasmon por pli streĉaj rilatoj inter la najbaraj landaj asocioj kaj ankaŭ inter niaj federacioj kaj lokaj societoj. La plioftigo de la renkontiĝoj inter la agantaj esperantistoj helpos al la disvastigado de la lingvo, kaj ebligos pli oftan praktikon al ĉiuj.

Por 1969/70, ni do konsilas ke la prezidantoj de la federacioj, kaj lokaj societoj pli ofte interrilatu k. organizu laborrenkontojn, k. aperigu federaciajn bultenojn p o r facile kunigi kaj konatigi siajn membrojn.

La konsilio de UFE faris gravajn decidojn rilate la organizon de pli firmaj rilatoj inter la nacia centro kaj la regionaj instancoj: estas antaŭviditaj staĝoj por respondeculoj pri Informado dum la Kultura Semajno 1970. De nun, mi petas vin ĉiujn antaŭvidi la partoprenon de taŭgaj homoj kaj pripensi planon de renkontoj inter viaj grupoj kaj asocioj.

Lasu for l a disajn agadojn, k a j kunhelpu UFE por pliaj sukcesoj!

André BOURDEAUX

## PRESSE...ECHOS DE LA PRESSE...ECHOS

Comme chaque année, la presse française a consacré de nombreux articles au 54 - ème Congrès Universe d'Espéranto à Helsinki.

La FRANCE et le SUD-OUEST, le PROVENCAL, la VOIX DU NORD, NORD-ECLAIR, la MONTAGNE et NORD-LITTORAL ont donné l'essentiel des travaux de ce Congrès.

Le FIGARO du 2/8 titrait: "Sur le marché matrimonial du congrès espérantiste, les Japonaises sont les plus sollicitées":

"A Helsinki, où ils sont reçus pour la seconde fois....les espérantophones...ont été très sensibles au fait que les représentants du gouvernement et de la municipalité se soient donné la peine de leur parler dans leur langue "avec une accentuation parfaite".

Apolitiques, vivant dans la neutralité jurée, les espérantistes ont pourtant réunifié l' Allemagne dans leur "kongresa libro". Qu'il soit de l'Ouest ou de l'Est, tout allemand est de "Germanujo" tout court!

Quant aux Chinois, ils brillent par leur absence.... En revanche les Japonais sont...plus de 60...Les demoiselles aux yeux bridés ne laissent pas les espérantistes indifférents. On relève....six mariages de jeunes nippones avec des occidentaux allemands surtout.... Dans certaines familles, on en est à la seconde sinon à la troisième générations d'unions internationales...

....Nous avons pu nous entretenir avec le Dr Chiussi (qui) parle neuf langues. Il a appris l' arabe parce que "çà lui manquait",... Puis il a traduit le Coran en Espéranto. C'est un volume de 700 pages.... qui pèse 1 kg 500 !......"

Le 5 août le même journal donnait connaissance des conclusions du Congrès:

(suite page 68)

# VIVA DE LA GRUPAJ !




ANTIBES - 10 lernantoj sekvis la kurson de S-ro Lanzo, kiu ankaŭ instruas en diversaj urbetoj de la regiono. Depost tri jaroj, li instruis I20 personojn; el ili I2 sukcese trapasis la ateston pri lernado; kvar aliaj partoprenis la kurson en Grésillon.

Dank' al la afableco de S-ro ETIENNE, organizanto de la diversaj foiroj en Cannes, St-Raphaël, Antibes, laŭ la petoj de S-roj Lanzo kaj Isnardon, la grupo de Cannes zorgis senpagajn budojn en tiuj tri urboj. La verda flago flirtis super la tegmento de la foiro en Antibes. Tiamaniere, oni faris bonegan propagandon, kaj oni varbis novajn esperantistojn. La foto montras kelkajn esperantistojn akceptitaj de la foiro en Antibes. Ni rekonas S-ron Lanzo (maldekstre) kaj S-ron Etienne (dekstre). S-ro Isnardon fotis.

ARRAS - La gazeto de la instruistaj seminarioj publikigis jam 4 artikolojn pri esperanto kaj lingvaj problemoj. Pluraj francaj ĵurnaloj favore menciis la referaton de E. Plutniak.

BAUGE - Kiel ĉiu scias, Baugé estas la franca urbeto ĉe kiu staras la kastelo "Grésillon".

Komence de julio, sekve de informprelego en la teatro de Baugé, aranĝita de la Esperantista Kulturdomo, dek kvin gelernantoj tuj aliĝis al ĉiuvespera kurso kaj kontentige progresas.

Ne estas utopie esperi, ke baldaŭ la esperantista-grupo en Baugé fariĝos grava kaj modela en Francujo.

HOUDAIN - La 9-an de marto 1969, la "Foyer des Jeunes et d'Education permanente" okazis E° -tago kun ekspozicio laŭ la temo "Esperanto en la nuna mondo".

LE MANS - En 1968-69 okazis kurso en la Teknika Liceo, kun partopreno de 25 lernantoj. Dum akcepto de Bulgara vizitanto, ili havis la tujan okazon uzi la lingvon.

Verŝajne venontjare okazos du kursoj en tiu liceo, kaj eble unu en la urbo mem.

LILLE - 80 geesperantistoj el 4 landoj sukcesigis la E° - tagon dum la Internacia Komerca Foiro. El la decidoj: regiona kunveno okazos en oktobro kaj Tournehem estas la loko, kie la federacio organizos la "markolan kongreson" en 1970. Krome, estis raportoj pri la inaŭguro de esperanto-strato en Sint-Kruis (Belgujo) kaj studvojaĝo en Leningrado.

PERPIGNAN - La 8-an de Junio, la "tago de Esperanto" multe sukcesis, kun la ĉeesto de pli ol 100 personoj francaj kaj hispanaj.

S-ro LLECH-WALTER legis la letersalutojn de diversaj organizaĵoj kaj de samideanoj el ambaŭ landoj.

Poste, S-ro SANCHO-IZQUIERDO, el Zaragoza, prezidanto de H.E.F. parolis pri la historio de la movado en Hispanujo.

Fine, D-ro ALBAULT, prezidanto de U.F.E. parolis pri Esperanto kaj evoluado de la lingvoj tra la mondo;




lian festparoldaon varme aplaùdis la partoprenantoj.

Post honorvino, oferdonita de la Deputito-Urbestro de Perpignan, kaj bonega kaj amika bankedo, okazis vizito de la ŝipo "Lydia", inter Le Barcarès kaj Leucate.

Tiu internacia renkontiĝo ebligis plifirmigi la ligilojn, kiuj jam ekzistas inter la esperantistoj el ambaù flankoj de la Pireneoj.

Venontan jaron, la hispana-franca renkontiĝo okazos norde de Hispanio.

ROUBAIX - 10.000 personoj vizitis la festen de la Junularo, kie ekspoziciis la E°-rondo. Oni elmontris aliajn esperantaĵojn (poŝtmarkojn kaj specialajn stampojn) dum la regiona filatela ekspozicio.

VALENCIENNES - La klubo festis en Germanujo la dekandatrevenon de la ĝemeliĝo kun la E°-grupo en Düren. Dudeko da lernantinoj trapasis,en Lille, la elementan ekzamenon.

## EĤO PRI GRESILLON

Veronika kaj mi venas en Grésillon la 4-an fojon kun Martena Got kiu venas la unuan fojon. Matene ni lernas dum la birdoj kantas, kaj la suno brilas. Ĝoje, je 12h30, ni iras manĝi kun granda apetito. Posttagmeze, Baugé, La Flèche, Grésillon kaj ĝia banejo akceptas nin. Venu al Grésillon. El ĉiuj ĉambroj oni vidas belan pejzaĝon. Vi povas tendumi, se vi volas. En la vespero, ni rigardas diapozitivojn pri Kanado, ni kantas; povas esti, ke ni havas librovesperon, aù Germano parolas pri sis lando. Vi povas rigardi belan pupteatron. Germana sinjoro tre bone faris tion. La vespero finiĝas, vi suprenirias al via dormoĉambro, kaj kiam vi estas en la lito, vi estas kontenta pri via tago. Povas esti, ke vi iras al Le Lude, al la teatro. En la dimanĉo povas veni surprize esperantistoj. En Grésillon, ciam estas surprizoj! Tio estas nia vivo en Grésillon.

Vivu Esperanto, Grésillon k. S-no Vincent!

Lisbeta SCHREIBER
13-jara knabino
Les ANDELYS

oooooooooooooooooooooooooooooooooooo

## REZULTOJ DE LA NACIA KONKURSO

Partoprenis ĝin nur sep personoj Sendube, la aliaj, kiuj aliĝis, trovis la enigmojn tro malfacilaj. Ĉar, neniu el la konkursintoj veturis al Helsinki, la du unuaj premioj ne estis aljuĝitaj.

Jen do la rezultoj:

3a premio: Albumo Thiaude kun 375 neuzitaj francaj poŝtmarkoj (valoro 60 F.) al Sro GILOTEAUX lucien (Croix).

4a ĝis 7a premioj: 10 F. da libroj mendeblaj ĉe U.F.E.: S-ino RIGAL, Les Vendanges, avenue de la République (27) LES ANDELYS ; F-ino RIGAL, sama adreso; F-ino PANNIER V. 13, rue Sadi-Carnot (LES ANDELYS) F-ino BONNET S. (6 Boulevard Néhou (27 - LES ANDELYS).

ESPERANTO..RADIO..ESPERANTO..RADIO..
====================================

RADIO-VARSOVIE organise plusieurs fois par an des concours entre ses fidèles auditeurs de l' émission en Espéranto.

Celui organisé à l' occasion du IO-ème anniversaire des émissions en Espéranto a suscité 2802 réponses de 34 pays différents.

Parmi les gagnants, nous avons relevé les noms de R.MILON (Brive), H.BOURDELON (Marseille), D. CORNICE, (Le Pecq). 101 auditeurs français avaient participé à ce concours.

-o-

Nouveauté: En plus des trois programmes quotidiens en Espéranto, RADIO-VARSOVIE a inauguré une nouvelle forme d' information sur la Langue Internationale.

Dans les émissions en langues nationales (actuellement allemand, anglais, suédois, danois, finnois et italien) trouvent place des "esperanto-anguletoj". Si votre récepteur est suffisamment puissant pour capter les dites émissions, vous pouvez en demander le détail à

RADIO VARSOVIO - Box 46 - VARSOVIO

Il s'agit là d' une innovation intéressante que nous nous devons de faire connaître;il importe également que les auditeurs fassent ensuite connaître, individuellement, leur opinion sur l' intérêt qu' ils auront trouvé à ces émissions.

TURISMO..ESPERANTO..TURISMO..ESPERAN
-:-:-:-:-:-:-:-:-:--:-:-:-:-:-:-:-:-

Jam aperis la unua numero de TURISTA MONDO, turista revuo en esperanto. Tiu fakto meritas esti notata kaj rekonata laŭ sia ĝusta valoro.

Ĝia apero koincidas kun la adopto de Esperanto fare de la Internacia Akademio de Turismo por sia faka Internacia Vortaro, kaj de pluraj membroj de la Unuiĝo Internacia de la Oficialaj Organismoj de Turismo, eldonantaj broŝurojn, kaj korespondantaj per la Internacia Lingvo.

Oni povas konstati, ke la nombro de turistoj parolantaj Esperanton kreskas de jaro al jaro. Rezulte nova merkato malfermiĝas al la propagandistoj pri turismo en ĉiuj landoj

Ni gratulu S-ron UNGER, ĉefredaktoro de tiu revuo, pro lia kuraĝa kaj klarvida agado.

Al ni estas honorigi lian laboron per nia subtenado t.e. abonado. Kvar numeroj okpaĝaj,grandformato, aperos dum la jaro. Prezo: 13 F.

La apero de tiu nova revuo koincidas kun la malapero de AŬTO-REVUO, sekve de grava malsano de ĝia redaktoro S-ro JAUMOTTE. Laŭ aranĝo inter la du revuoj, la ĝisnunaj abonantoj de "Aŭto-revuo" ricevos senpage ankaŭ la n-ron I969/2 de Turista Mondo, sub la kondiĉo, ke ili abonos al tiu nova revuo por la jaro 1970.

Oni nur indiku, ke oni estis abonanto de "Aŭto-revuo" antaŭe.

---

oooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooo

## EDOUARD HOUZE

EDOUARD HOUZE nous a quittés. En fait, nous l'avions perdu depuis le début de la dernière guerre, car à la suite de l'évacuation de Dunkerque et d'un séjour prolongé dans la mer, il fut atteint de la terrible maladie de Parkinson. Moralement et physiquement, il aura souffert 27 longues années.

Pour ceux qui ne l'ont pas connu, nous dirons que HOUZE était un admirable propagandiste. De son temps, la Fédération du Nord, dont il était le Président, avait 500 membres, et ses initiatives si heureuses et si dynamiques avaient créé un climat favorable dans sa région.
Pour nous, il restera le symbole du parfait pionnier pour notre cause.
A sa Femme, qui l'a soigné avec le plus grand dévouement, nous présentons nos sincères condoléances.

SCIENCA REVUO - eldono de I.S.A.E.,trimonata,40 p. 14 x 20, n°1(77) Vol. 20
============= Abono: 10 F. al S-ro BROISE (c.c.p.Paris I7.516.95).

Ĉefa enhavo:

Herooj de scienco: Luĉilio Vanini, A. BELOV (Sovetunio).

Kion oni sciu pri la katarakto (D-ro ALBAULT (Francujo)

Priskribo de anatomio de la kristalino; diversspecaj kataraktoj: denaskaj kaj akiritaj; diversaj stadioj.

Operacioj de la katarakto, kiun kiel, por ĉiu sorto.

Prognozoj pri rezulto.

Pri evoluo de la redukto-teorio por diferencialaj ekvacioj kun kvazaùperiodaj koeficientoj (MYTROPOLSKY,BOGATYREV, MATVIJISYN - Sovetunio):

Tio estas transigo de la esplorado de diferencialaj ekvacioj kun variaj koeficientoj al problemo de diferencialaj ekvacioj kun konstantaj koeficientoj.

Memorigas pri teorio de ekzistadaj kondiĉoj de tiu transformo.

La aùtoroj esploras la konstruan metodon por nur sistemoj de linearaj diferencialaj ekvacioj kun kvazaùperiodaj koeficientoj, kiojebligas sol vi multnombrajn kaj gravajn problemojn de mekaniko;ili raportas grandtrajte pri alies studoj kaj aplikeblecoj de tiuj studoj.

El la fakoj:

Informoj arigitaj de R.HAFERKORN. El tiuj aperas,ke ĉefe la kemia fako nuntempe vigle aktiviĝas.

BIBLIA REVUO N°5-a, lV-a Jaro - dumonata, 64 paĝoj 17 x 24 - Jarabono pere
============================ de U.F.E. 33,50 F.

ĉefa enhavo:

MESIO kaj KRISTO: origino kaj kresko de la koncepto (D. BROADRIBB, Melburno, aùstralio).

Tiu ideo ligita kun eskatologio (mondfiniĝo), ne ekzistis en antikva Egiptujo, el kiu fontis la hebrea religio.

Tamen, ĝi evoluis ekde la egiptaj ideoj pri ligiteco de DIO kun la reĝo. Tiu ligiteco iom post iom disvastiĝis al la tuta popolo, kiu are estis konsiderata profeto. Dum la submetiĝo al asirio estis komprenita metafore ke la nacio, kiu "mortis" reviviĝos: tio estis en 720 aK. Malrapide tiu koncepto evoluis ĝis DANIEL (125 aK),kie oni trovas unuafoje:

i) restarigo de la nacio per nova reĝo,
ii) fino de mondo kaj komenco de nova;
iii) reviviĝo de mortintoj (alprenita al samtempe zaratuŝtra koncepto).

La unua ideo pri mesio ŝajnas deveni de miskompreno pri vortoj esperigaj de JESAJA al reĝo AĤAZ, dum la asiria invado: " La knabino estas graveda, ŝi baldaù naskos filon kiun ŝi nomos "DIO-ESTAS-KUN-NI" (hebree: immànù'el). En greka interpretado, tio fariĝis "la Virgulino gravediĝos kaj naskos filon,kiun vi nomos Emmanuel". Post 200 jaroj la koncepto pri mesio enradikiĝis.

Bibliaj fundamentoj pri ekumenismo: (R. HASKY kaj L. KOPECKY, Praha)

El tiu artikolo ni ĉerpas ke DIO kreis la homon ne sola, sed en socio kiel montras la hebrea vorto por homaro: ADAM.

Interlinia legado en GENEZO I-3: D.

B. GREGOR (Northampton)

Tre kurioza, kaj interesa analizo de la teksto de Genezo per la konsidero al tiutempaj nekapablo por abstraktaĵoj, socioformo kaj sciencaj akiraĵoj.

Unua preĝejo kristana: la Sankta manĝejo: P.B.BAGATTI O.F.M. (Jerusalemo):

Temas pri dum la XIII-a jarcento surkonstruita relegiejo nomata "manĝejo" aù "tombo de David". La aùtoro donas por tiu tezo plurajn fortajn argumentojn arkeologiajn.

BIBLIA REVUO - N° I-a, V-a Jaro - dumonata, 64 paĝoj 17 x 24 - Jarabono pe-
=============================== re de U.F.E. 33,50 F.

La Biblio moderne tradukita (D. BROADRIBB, Melburno): Temas pri du aperaĵoj: 1°) Nova Bibbio Concordata 1968 en la Itala. Estas komuna eldonode Romkatolika, Grekortodoksa, Juda kaj Protestanta. Kun multaj notoj,kiuj donas la vidpunkton de ĉiu grupo;

2°) Nova testamento en Esperanto, bazita sur la Biblio de Jerusalemo.Nia Biblio de 1926 entenis neniun komentarion; nun la komentario estas t i o m longa kiom la teksto mem. Ĝis estas ekumena ligilo inter la protestantoj k. la katolikoj.

Oferritoj en Islamo (A. ĤALIQ QAZI - Melburno): pri originoj kaj destinado, de la Korano.

Unua elfosado-kampanjo en ET-TABGHA (S.LOFFREDA O.F.M. Jerusalemo):Konvinke per arkeologiaj argumentoj, pri tiutempaj loĝado, reliefo, akvodispono, la aùtoro pruvas, ke tiu loko identiĝas kun tiuj de la "Prediko sur la Monto", la "Plimultigo de la Pano" kaj "Apero de reviviĝinta JESUO".

xooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxoo

## POR BATALEMO SPIRITO (daùrigo)

PROVENCA FEDERACIO : La movado kontentige progresas en la regiono de Cannes, sub la impulso de S-ro Lanzo kiu senlace laboras por la disvastigo de la Internacia Lingvo.

S-ro Lanzo ne nur gvidas kursojn en Antibes kaj Cannes, sed li ankaù eldonas trimonatan bultenon multobligitan "La Espero". Dank'al liaj klopodoj, du budoj pri Esperanto estis malfermitaj en la foiroj de Antibes kaj St-Raphaël. La vizitantoj estis petitaj subskribi individuajn slipojn por peti la enkondukon de Esperanto en la lernejoj. Pli ol ducent personoj akceptis tion fari, inter kiuj S-ro Delmas, urbestro de Antibe

Post kelkaj semajnoj aperos riĉaspekta turisma faldfolio pri Cannes eldonita en Esperanto. La 28-an d e septembro, okaze de esperantista renkontiĝo, estos inaùgurata Esperanto-Hotelon en Cannes.

Ni sincere gratulas S-ron Lanzo pro lia sindonema kaj fruktodona laboro kaj deziras al li plenan sukceson en liaj klopodoj.

-o-o-o-o-o-o-o-

# RECENZOJ

KIO ESTAS SPIRITISMO? de A. Kardec - ==================== el la franca originalo tradukis P.C.N. kaj I.G.B. Brazila Spiritisma Federacio en Rio-de-Janeiro - 161 paĝoj.

Tiuj, kiuj deziras koni spiritismon aŭ observadi evoluon en tiu doktrino, sen iu ajn dubo legos tiun verkon kun plezuro kaj intereso. A. Kardec studadis tiujn spiritismajn faktojn de 1857 ĝis 1869.

Fenomenoj, rilate al halucino, magneta fluidaĵo, reradiado de la penso, somnambula stato estas analizitaj, kune kun problemoj kies solvoj estas troveblaj per la spiritisma doktrino: Plureco de la mondo, pri la animo, la homo post la morto ktp.

Ĉu vi estas adepto aŭ ne, vi ne povas ne interesiĝi pri tiuj aferoj, kiel problemoj internaj aŭ eksteraj, laŭ via propra vidpunkto. Eĉ se vi opinias, ke ili estas kreitaj per fantazi-povo de niaj cerboj, tiuj problemoj restas interesaj laŭ psikologia vidpunkto.

Robert MARTIN
============

BONE! Poemo de l'Oktobro, de V. MA-
===== JAKOVSKIJ. El la rusa tradukis K. Gusev. Eld. Komisiono de Sovetaj Esperantistoj, Moskvo 1967 - 108 p.; ofsetita.

Estas bedaŭrinde, ke la kvalito de la papero ne estas bona, ĉar la poemo mem, unu el la ĉefverkoj de la granda poeto Majakovskij estas eksterordinara kaj povoriĉa etoso.

La ŝatantoj de la rusa lingvo certe ŝatos legi kaj kompari la originalon kaj la esp.tradukon. Tiu laboro ĉiam estas fruktodona kaj unu fojon pli la legantoj kaj komparantoj komprenos ĝis kia grado Esperanto taŭgas por poezi-tradukoj:

"Dormu, kompanoj,
kviete,
Pace ripozu sen ĉes'...
Dornos ni nin
bajonete
Kontraŭ
invad'
kaj agres'.

Je la fino de la poemo, 8 paĝoj da komentoj klarigas multajn liniojn laŭ literatura kaj historia vidpunktoj.

Robert MARTIN
============

ULENSPIEGEL - tio estas Strigspegulo
====================================
traduko de P. Wolrug, Vulpo-Amsterdam 1967 - 16 paĝoj, ilustrita: 5 F.

"Pri lia vivo kaj fiaj agoj, kaj la strangaj aventuroj, kiujn li havis, ĉar li neniam evitis eblan friponaĵon", vi legos tiun etan libron kaj vi admiros la kelkajn ilustraĵojn el la antverpena eldono de ĉ. 1500!

La aventuroj de Strigspegulo elvenis el germanaj regionoj kaj rapide fariĝis konataj tra tuta Eŭropo. Oni povas diri, ke Strigspegulo, nun estas eŭropa heroo.

Ni opinias, ke ni devas subteni la bonegan entreprenon de "Vulpo-Amsterdam" kiu eldonis al nia riĉa literaturo tre valoran, brilan perlon. Antaŭen sur la sama vojo.

Robert MARTIN
============

LA MIRINDA ELIKSIRO - J.H. ROSBACH -
=================== Abyhøj, Dansk - Esperanto-Forlag 1968, 98 p. 8 F.

Eble vi memoras la verkon "Homoj kaj Riveroj (1957)". Do, al vi mi ne be-

zonas prezenti Johan Hammond Rosbach kies talento rikoltis meritltan sukceson. Nun, aperis de li skribitan novelaron, per kiu vi facile kontrolos la ĉiam valoran bonhumoron, la spritan plumon, la foje satirajn foje humurajn rakonto-kvalitojn de la aŭtoro. La menuo de la bongusta manĝo estas tre diversigita, ĉar entute vi ĝuos dekkvar pecojn!

"Dumkongresa epizodo" vekos delikate nuancan nostalgion ĉe kelkaj el ni, same kiel "Rozburĝonoj" kaj "Inkmakulo", sed ne por la samaj kaŭzoj

Kaj la "Ruĝa slipo" permesos al vi ridi, rideti, ridegi laŭ viaj subkonsciaj - aŭ superkonsciaj - inklinoj!

La lingvo, kiel kutime ĉe veraj verkistoj, estas samtempe simpla kaj signifoplena,densa kaj malpeza, klasika kaj libera.

"Komence la profesoro dormis sur la sofo, sed mi kompatis lin, ĉar lito ĉiam estas pli bona ol sofo (p. 49a).

Do, mi konkludos parodie:"Komence la leganto dormis sur sia gazeto, sed mi kompatis lin, ĉar "La Mirinda Eliksiro" ĉiam estas pli bona ol gazeto"; do, mi konsilas al mia leganto malfermi sian mensan buŝon kaj trinki paĝ-kuleron post paĝkulero de tiu vere "mirinda eliksiro". Vivu bone!

Robert MARTIN

============

FORTOJ DE L'VIVO (la movado, literaturo originala kaj tradukita, eseoj, la lingvo, scienco kaj tekniko) riĉe ilustrita per I20 fotoj kaj desegnaĵoj, 208 paĝoj, 147 x 209 m/m - Fondumo Esperanto - Helsinki 1967. Prezo (broŝ.) 12,50 F.

Por honori la 60 - jaran esperantistecon kaj 75-jaran aĝon de VILHO SETÄLÄ, membro de la Akademio de Esperanto, estis decidite publikigi, kolekton de liaj verkoj, originalaj kaj tradukoj, aperintaj en diversaj periodaĵoj. Tio estas nun en formo de pli ol 200-paĝa libro, bela verko diversa kaj varia laŭ la enhavo kaj la aspekto. La libron ornamas multajn ilustraĵoj, plejparte fotoj de la aŭtoro.

Kvazaŭ naskiĝtagan donacon, Vilho Setälä ricevis samtempe gravan aprezon en formo de subvencio por daŭrigi siajn studojn pri vortara statistiko, kiun ni konas el la studo en Esperantologio I, 1 (Kopenhago 1949)

La subvencion donis Finna Scienca Akademio.

La multnombraj amikoj de V.SETÄLÄ ĉie en la esperanta mondo volos subteni la klopodojn, kaj fari omaĝon al li per mendo de la verko.

Simo RAUMAVIRTA

=============

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

JEFO...TEJO...JEFO...TEJO...JEFO...T

====================================

En STRASBURGO, la francaj gejunuloj elektis novan estraron:

Prezidantino:
F-ino TRIOLLE, résidence Consolat, bâtiment A, cage J, 358 chemin du Littoral (13-05) MARSEILLE

Vicprezidantoj:
S-ro KUBLER Roland, 20 rue du Ruisseau (68) RODEREN p.THANN

S-ro TRESORIER, Le Chanois-Chalezeules (25) ROCHE-lez-BEAUPRE

(rilatoj kun TEJO)
S-ro LLOANCY Robert, 42 Boulevard de la République (47) AGEN

Sekretario:
S-ro CATIL Jo, quartier Coquillard, (26) ROMANS

Kasisto: S-ro GROSMAN André, 3 r u e

de Bretagne (68) VIEUX THANN

Ĉiujn informojn, raportojn, rilatojn de gejunuloj, oni sendu rekten al la Sekretario, laù la supra adreso.

-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-

En LYON, la 11-an de Majo, la estraranoj kunsidis kaj decidis ordigi la membraron por plibone rilati kun la membroj.

S-ro KUBLER okupiĝos pri la kunordigado de regionaj renkontiĝoj en Lyon, Valence, Arles, kaj ankaù en aliaj urboj laù proponoj ricevotaj.

Samtempe, okazis eta interŝanĝo kun la gejunuloj de Lyon, dum kiu ĉiu pripensis agi laù la eblecoj por plani renkontiĝon.

-i-i-i-

La 25-a I.J.K. en Tyresö akceptis la jenan deklaracion:

"En pluraj prelegoj k a j diskutgrupoj kun la ĝenerala temo "Junularo kaj socio", n i pristudis la nuntempan radikalan ŝanĝon de la rolo de la junularo en la socio, kiu montriĝas en intelekta kaj politika mobilizo de la junularo.

La mobilizo okazas ĉefe pro sento ke la libera evoluo de la individuo estas pli kaj pli endanĝerigata de la establitaj ordosistemoj.

La establitajn ordosistemojn subtenas du tendencoj: unue, malaktualaj k a j tro normigaj konceptoj pri la homo, d u e, la rapide evoluanta teknologio, kiu emas detrui kaj anonimigi l a individuecon, detrui l a fizikan ĉirkaùaĵon de la homo, kaj subfosi la homan psikon.

La lingvo estas realaĵo intime ligita al sociaj kaj politikaj fenomenoj. Tial, ĉiuj ajn aktivecoj pri lingvaj problemoj estas samtempe sociaj aktivecoj.

Se oni konsekvence aplikas la koncepton pri konservo de la integreso de la individuo, oni nepre venas al malaprobo de lingva kaj kultura diskriminacioj en ĉiu formo,al malaprobo de ĉ i u tiel nomata solvo de la lingva problemo, k i u baziĝas s u r diskriminacio, k a j al konstato, ke oni ne sufiĉe atentas la detruadon de la kultura kaj lingva fono de multaj popoloj. T i u detruado estas nenio alia ol instrumento de lingva imperiismo.

En nia propra laboro, ni antaùvidas esploradon kaj informadon pri la neadekvateco de la monda lingva situacio, k a j pri ĝia kunligo kun la detruo de la homa personeco en la nomo de teknologia kaj ekonomia programo.

La mobilizo d e la junularo estas subtenenda kaj partoprenenda batalo por la digno de la homo.

La estonta agado de TEJO inkluzivos lanĉon de aktivecoj, kiuj celos plivastigi l a dimension de la individuo en la socia kaj teknologia evoluo. Tiuj aktivecoj baziĝos sur l a specialaj trajtoj d e TEJO, kiel organizo laboranta por forigo de ĉia misuzo de lingvoj por ekonomia, kultura aù politika subpremado.

Ni alvokas ĉiujn homojn kaj junularajn organizojn a l solidariĝo kaj laùeble kunlaboro en tiu agado de T.E.J.O."

-i-i-i-i-i-

La nova estraro de T.E.J.O. estas
Prezidanto: H. TONKIN (Usono),
Sekretario: S. ĈOLIĈ (Jugoslavio),
Kasisto...: Ulla LUIN (Svedujo),
Membro....: Ingrid CARLSSON (Svedujo

===============================

La Liona Junulara Sekcio de JEFO organizos SEMAJNO-FINON en LYON, la 11/12-10.1969, en Junulardomo 101 Bd des Etats-Unis - Lyon 8 - La kostoj estos 19 F. Informiĝu ĉe Hervé GONIN 20 Av.St-Exupéry-Villeurbanne (69).

III-a LERNEJA KONFERENCO ORGANIZITA DE LA KKL DE UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO

(3an kaj 4an de Aŭgusto 1969 en DIPOLI/OTANIEMI)

## K O N K L U D O J

pri la eblecoj por la paralela enkonduko de Esperanto en la lernejojn kaj Universitatojn de diversaj landoj

La Tria Lerneja Konferenco, kiu okazis en Helsinki kaj kiun partoprenis delegitoj de 17 landaj asocioj de UEA (Aŭstrujo, Belgujo, Britujo, Bulgario, Ĉeĥoslovakujo, Danlando, Germanujo, Hungarujo, Israelo, Jugoslavio, Pollando, Svedujo, Svisujo, Kanado, Nederlando, Norvegujo kaj Usono) kaj de 12 landaj sekcioj de I.L.I.E. (Aŭstralio, Britujo, Bulgario, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Germanujo, Hungarujo, Nederlando, Pollando, Svedujo, Svisujo k.Usono) kune kun oficialaj reprezentantoj de 7 registaroj (Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Finnlando, Italujo, Pollando kaj Svedujo) pritraktis, kiel ĉefan temon, la eblecojn por vastigo de la instruado de la Internacia Lingvo (Esperanto) en diversaj landoj per interŝtata konvencio pri paralela enkonduko de la instruado de tiu lingvo en difinitan nombron de lernejoj kaj universitatoj.

La Konferenco aŭdis la raportojn de 1) Lernejestro R. MARKARIAN, ERD,MA, (Britujo) pri la juraj eblecoj por Esperanto-instruado en 25 landoj; 2)Rektoro SONNABEND (Germanujo) pri la instruado de Esperanto en la jaro 1968/69 3) Prof.D-ro LAPENNA (Britujo) pri la instruado de Esperanto sur universitata nivelo; 4) S-ro G. BECKER (Germanujo) pri la kunordiga rolo en Esperanto-instruaferoj de la Konsulta Komisiono pri Lernejoj de UEA.

La Konferenco diskutis tiujn raportojn kaj trastudis lastatempe verkitajn dokumentojn de C.E.D. en Londono, kiuj rilatis al la konferenca temo. Ĝi poste diskutis la eblecojn de diversaj landoj partopreni en interŝtata konvencio aŭ alia internacia interkonsento pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn kaj pri la eblecoj por la vastigo de la instruado de tiu lingvo sur landa nivelo.

Kvankam pluraj landaj aŭ registaraj reprezentantoj povis certigi la aktivan intereson de siaj landoj pri la ideo de la paralela enkonduko de Esperanto-instruado - ne nur simple kiel aldona fremda lingvo, sed pli bone kiel unika helpilo al edukado al internacia interkompreniĝo - la Konferenco tamen,

konstatis, ke ankoraŭ ne alvenis la ĝusta tempo por la traktado de formala interkonsento, kvankam oni daŭre studas la terenon tiurilate aparte en landoj, kie kondiĉoj en baldaŭa estonteco povos esti favoraj kaj

rekomendas, ke la ĉefa agado en la Esperantista instruista medio, por la venontaj monatoj, estu la enlanda vastigado de la instruado mem per:

1) la enkonduko de Esperanto en la studprogramojn de ĉiam pli kaj pli da lernejoj, inkluzive tiujn por estontaj instruistoj,

2) la oficialigo, flanke de edukministerioj, de ĉiunivelaj studprogramoj,

3) la certigo al gelernantoj de Esperanto de taŭgaj ekzamenoj, di-

plomoj, k. s. same kiel ili spertas kaj ricevas por aliaj lernejaj temoj

4) la oficialigo, flanke de edukministerioj, de jam ekzistanta supera ekzameno en kiu devas sukcesi eventuala Esperanto - instruisto, aŭ la starigo de tute novaj ekzamenoj por Estontaj Esperanto-instruistoj, se eble en kunlaboro kun la edukministerio mem;

5) la eldonado en ĉiu lando de instrumaterialoj kaj lernolibroj modernaj laŭ aspekto kaj enhavo, kiuj baziĝas sur la oficialaj instruprogramoj;

6)la pligrandigo de la reto de Esperanto-instruantaj lernejoj, kiuj partoprenas la projekton de Unesko "Asociiĝintaj Lernejoj".

7) La plifortigo de la kondiĉoj favoraj al plua enkonduko de Esperanto, se necese per leĝa dekreto, laŭ la modelo de la aktuala agado en Italujo, kies unu e l la bazaj paŝoj estas la intensa kaj regula informado al gravaj oficistoj, parlamentanoj, k.t.p...

8) la utiligado, aparte en universitataj medioj, de la nova revuo "La Monda Lingvo-Problemo";

9) la starigo de lernejaj komisionoj precipe en landoj, kie ne estas I.L.E.I.-sekcioj;

10) la harmoniigo de la laboro de K. K.L., ILEI kaj landaj asocioj;

11) la utiligo por la preparado de kompetentaj instruistoj, de ĉiuj rimedoj inkluzive kursojn per radio, televido kaj gazetaro, kaj de korespondaj kursoj sub la gvido de Landaj Esperanto-Asocioj;

12) la uzado, en Esperanto-instruado de la plej modernaj metodoj uzataj de la instruado de ĉiuj modernaj lingvoj;

13) kunlaborado de la landaj esperanto-instruistoj kun la neesperantistaj instruistaj sindikatoj.

(raporto sendita
(de S-ro G. TURIN

o
o o

---

## N A C I A K O N K U R S O

Ekde la I-a de oktobro 1969, estas starigita konkurso inter la aktivaj membroj de UFE (abonantoj al la RFE) kiuj plenumos la jenajn kondiĉojn:

1) loĝi en Francujo (pro la nuna neebleco sendi monon eksterlanden;
2) havi minimume la diplomon "Atesto pri Supera Lernado";
3) respondi ĉiujn enigmojn proponitajn en la R.F.E. antaŭ la 30-a de aprilo 1970;
4) sendi 5 F. plus afrankitan koverton kaj fotokopion de la plej altnivela esperanto-diplomo posedata al

S-ino J. VINCENT
(27) Les Andelys
CCP. 574.88.M. ROUEN

Por la jaro 1970 estos disdonitaj la jenaj premioj:

1) stipendio de 300 F. por vojaĝi al la U.K. en Vieno;
2) stipendio de 200 F. por vojaĝi al la U.K.;
3) kaj 4) stipendio de 100 F. por vojaĝi al la UK. aŭ al Grésillon;
5) ĝis 14) 10 F. da libroj mendeblaj ĉe U.F.E.

Rimarkoj: A) se la unue kaj due premiitaj ne intencos veturi a l Vieno, iliaj premioj ne estos aljuĝitaj;
B) en okazo de egaleco, venkos la konkursinto kun la pli altnivela esperanto-diplomo.

La 1-an de augusto mortis post kelkmonata grava malsano la fondinto

de Internacia Esperanto-Muzeo en Wien

kortega konsilisto

## Hugo Steiner

en sia 92-a jaro. Li estis Honorprezidanto de la Unuigo „Internacia Esperanto-Muzeo en Wien", Honora Membro de Universala Esperanto-Asocio, Honora Prezidanto de Austria Esperanto-Movado, Honora Prezidanto de Austria Federacio Esperantista Fervojista kaj honormembro de multaj aliaj organizoj. Li posedis la Honormedalon de ICK, la Austrian Honorkrucon por Scienco kaj Arto kaj diversajn aliajn en-kaj eksterlandajn distingojn.

La karan mortinton ni akompanis al lia lasta vojo la 7-an de augusto, je la 15-a horo el la funebra ceremoniejo de la tombejo en Korneuburg.

Wien, augusto 1969.
Hofburg, A-1010 Wien

Lian memoron ni gardos por ĉiam kun amo.

**Internacia Esperanto-Muzeo**

## NI REVENU AL STRASBURGO

Laù peto de S-ro Manceau, kaj post akcepto de S-ro Bernard, protokolinto, la punkto 10/d (paĝo 34a de RFE n°258 estas kompletigota jene:

"la teknikaj recenzoj en R.F.E. "devas esti daùrigataj, kaj la "tiea rubriko devas evolui al "teknika rubriko per Esperanto, "kiu celus profesiulojn. Tiu rubriko en RFE estas la unua paŝo "per kiu Esperanto eniru la teknikajn profesiojn".

xxxoxxxoxxxoxxxoxxxoxxxoxxxoxxxoxxxox

S-ino S. ROUSSEAU, tre kortuŝita, dankas ĉiujn siajn geamikojn pro la esprimoj de simpatio, kiujn ŝi ricevis dum la restado en la hospitalo de Helsinki (julio 1969).

oooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooooo



Cette affiche est à votre disposition aux conditions suivantes:
10 ex. (40x60)...3,50
10 ex. (30x40)...3,oo
Commandes: A.FRANGEUL
42 rue du Pré-Pigeon,
ANGERS (49)
Paiement: GROUPE ESPERANTISTE ANGEVIN CCP: NANTES 290.79

- Cours permanent par correspondance de langue internationale "ESPERANTO"
- Ecrire à "Union Française pour l'Esperanto" 34, rue de Chabrol - 75 - PARIS (X^e)

# Parlez ESPERANTO

VOUS AUREZ DES AMIS DANS LE MONDE ENTIER !

"Reciprokaj kompreno kaj respekto nepras por kreado de paca mondo". Per tiaj grandesprimaj vortoj, Konferenco de Unesko pri la junularo antaù kelkaj jaroj pritraktis la internacian komprenon. "Hodiaù", deklaris ĝia raporto, "la internacia vivo okupas ĉiam pligrandiĝantan lokon en la atento de la tuta junularo". Tiajn kontaktojn inter gejunuloj "malhelpas lingvaj diferencoj".

Tiuj, kiuj multe vojaĝis en aliaj landoj, aù multe kontaktis kun alilandanoj, scias, ke la vortoj de la Unesko-konferenco estas konsterne veraj. Vole-nevole, la nacioj estas hodiaù puŝataj al ĉiam kreskanta interkontaktado. Precipe la junularo tion spertas. La specialistoj atentigas nin, ke la batalo kontraù malriĉo, analfabetismo kaj malsano estas internacia batalo, en kiu nepras la harmonia laboro de la nacioj.

Sed plej baza ilo de kunlaboro-- la lingvo -- mankas. Ni estas firme limigitaj al la propraj lingvogrupoj mutaj antaù alilingvanoj. La gejunuloj en la Unesko - konferenco (kaj iliaj reprezentantoj) rekonis la sensencan perdon de energio pro lingvaj diferencoj, sed ne povis trovi bonan solvon. Ili rekomendis lingvolernadon, terminarojn, tradukadon, iom primitivaj kaj multekostaj rimedoj.

Sed unu grupo de gejunuloj solvis la problemon laù maniero racia kaj inteligenta. Tiu grupo estas la Esperanto-parolanta junularo.

En 1964, kiam okazis tiu konferenco en Grenoble, malmultaj gejunuloj en internaciaj medioj sciis pri la ekzisto de la internacia lingvo Esperanto. La esperantistoj ne estis invititaj partopreni la konferencon, kaj Esperanto ne leviĝis en la diskutoj. Hodiaù, tamen, tiu situacio ŝanĝiĝis. Verŝajne la plimulto de junaj funkciuloj en internaciaj organizoj, eĉ se ili ne intime konas Esperanton, scias pri kio temas. Kaj ili ofte estas tre favoraj al la ideo de internacia lingvo kiel solvo de la monda-lingvo-problemo. Parolantoj en internaciaj junularaj konferencoj ofte mencias la lingvon; aludoj al ĝi aperas en la junulara gazetaro.

Al kiu atribui tiun rimarkindan ŝanĝon? Precipe al la Tutmonda Junula Organizo. TEJO estas la ĉefa internacia organizo por junaj parolantoj de Esperanto, kun 23 landaj sekcioj kaj ĉirkaù 10000 membroj. En la lastaj jaroj ĝi kreskis ĝis tiu staturo, post jaroj kiel malgranda klubeca organizo. La kresko ĉefe rezultis el saĝa gvidado kaj efika kanalizo de la junularaj idealoj. Tio respeguliĝas ekzemple en la eldonaĵoj de TEJO. Ĝi aperigas novaĵbultenojn en tri lingvoj (angla, franca, Esperanto). Ili estas distribuataj ankaù al junaj funkciuloj en internaciaj organizoj. Ĝi ankaù eldonas lukse ilustritan revuon: "Kontakto". Car TEJO-anoj ne estas sektecaj lingvoamantoj, sed energiaj mondcivitanoj, ili dediĉas sian revuon ĝuste al la mondaj problemoj --tiuj pri kiuj avertas nin la jam menciitaj specialistoj. TEJO-anoj dialogas pri tiuj problemoj trans la landlimoj. Ili praktikas internaciismon en la propra agado, per internacia vizitinterŝanĝo, renkontiĝoj, agado inter skoltoj kaj studentoj..Dank' al la saĝa kaj klarvida agado de TEJO-anoj la vortoj TEJO kaj ESPERANTO estas hodiaù respektataj terminoj en internaciaj junularaj konferencoj. Tie ankaù TEJO-delegitoj partoprenas. Por subteni ilin, aliĝu al TEJO kiel Patrona membro; se vi estas malpli ol 26-jara, kiel individua membro.

(suite de la page 55)

"Cette résolution finale constate et déplore la multiplication des langues de travail dans les assemblées internationales... Elle souligne que l'Espéranto, par son caractère de neutralité favoriserait tous les pays, écarterait les vaines rivalités entre les petites et moyennes nations.... et éviterait tout risque de discrimination de la part des grands et supergrands".

LE MONDE (23 et 30-7) a rendu compte de l'assemblée qui s' est tenue sur le thème: "Le problème linguistique dans le cadre de la politique mondiale et les tâches des organisations d'Espéranto".

"Jusqu"au 2 août auront lieu des conférences ( Droit international et politique mondiale, De la forme et de la grandeur du monde, L'Espéranto et l'Islam, le Finnois et l'Espéranto, L'Information scientifique et la Documentation, etc.... Un théâtre d' Art International, dirigé par M. S? Flego, un congrès international d'aveugles, des congrès d'enseignants, de cheminots, de postiers, de fidèles des cultes protestant, catholique et quaker, des concours de poésie et d' éloquence en espéranto, complètent le programme des manifestations....placées sous le patronage de M. Urho Kekkonen, président d e la République Finlandaise.

oxox ox ox ox ox ox oxox oxoxoxoxoxoxoxoxox

ESPERANTO, BILINGUISME ET CULTURE...

M. J. J. BRESSAND, promoteur d u fameux "Monde Bilingue", devenu "Fédération Mondiale des Villes Jumelées" n'a jamais, on le sait, porté l'Espéranto dans son coeur, en dépit de certaines déclarations passées ou récentes.

C'est ainsi que le 7 Juin dernier interviewé à "France - Culture", au cours de l'émission"Le Monde Contemporain", le prophète du bilinguisme franco-anglais répondait à la question de M.de BEER, co-réalisateur de l'émission, sur ce qu' il pensait de l'Espéranto: "les espérantistes nous sont très sympathiques!! D'ailleurs, ils ont le même idéal que nous. Mais qu' ils se retirent sur une île déserte et qu'ils reviennent nous voir d'ici à 2000 ans avec une culture!!

Notre ami BOURDEAUX protesta officiellement auprès des réalisateurs, qui lui accordèrent spontanément e t courtoisement le droit de réponse sur l'antenne. Cette émission e u t lieu le 21 Juin à 9h. et dura 3/4 d' heure. Participaient à cette sorte de "face à face": Jean de BEER et F. CREMIEUX, journalistes-réalisateurs de l'émission, et M. CHAMBON, Ambassadeur de France à Ceylan.

A.BOURDEAUX développa une argumentation fondée sur l'existence d'une communauté mondiale linguistique originale, basée sur l' espéranto et démontra que cette langue, instrument de diffusion de la culture était, a fortiori, capable de créer elle-même ses propres valeurs culturelles. Il mit en lumière les faits prouvant l' existence charnelle de cette communauté, s a presse, ses émissions radiophoniques, s a littérature (originale et traduite) etc..

Assez agressifs au début de l'émission,les réalisateurs reconnurent très vite le bien-fondé des arguments développés et convinrent " que nous avons des ennemis bien plus dangereux à combattre (sic!)

Ce fut, en bref, une excellente émission d'information s u r l'Espéranto, diffusée à une heure d'écoute intéressante. (La bande magnétique sur laquelle a été enregistrée cette émission est à la disposition des groupes qui en feront la demande).

oooooooooooooooooooooooooooooooooo

Ce numéro a été préparé le 17-IX-achevé d'imprimé le 25-IX et expédié aux abonnés le 27 septembre 1969

Le Gérant: BOURDEAUX

CPPP N°21755

SITEC Impr.188 Fbg St-Denis PARIS X°